

# BULTENO

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj



Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam



## REKTE ANTAŬEN !

Ju pli longe ekzistas IFEF, des pli bone ni komprenas, ke sur la kun entuziasmo elektita vojo troviĝas ankaŭ flankvojetoj. Montriĝas ke iuj, kondukataj de la plej bonaj intencoj, elektis tiujn flankvojetojn por tiel atingi nian komunan celon. Tiu erareto povas esti tamen iom danĝera por la harmonio en nia organizo kaj sekve por ĝia libera evoluo.
Ni ja nepre bezonas ĉies fortojn por trabori nian vojon al la celo; la vojon kiun ni komune elektis. Ni ne povas permesi al ni la lukson, ke ĉiu laŭ propra iniciativo serĉu la sian.
Kun ĝojo ni povas akcepti, ke diversaj opinioj flugetas de homo al homo, ke oni aklamas senpripense ĉiujn aranĝojn kaj farojn de la estraro, sed ni nepre evitu miskomprenon kaj reciprokan nefidon.
Oni bone komprenu, ke por ni ĉiuj, do ankaŭ por la estraro kaj la organizantoj de niaj kongresoj, la laboro kaj la taskoj estas ankoraŭ iom novaj, nekutimaj.
Entuziasmo ne ĉiam sufiĉas; kelkfoje oni sentas la mankon de sperto, tiom dezirata kaj ofte necesa por sukcese labori.
Tiel povis okazi, ke la gvidado de niaj pasintjaraj laborkunsidoj lasis iom por deziri, parte pro manko de sperto, parte pro tio, ke la kunlaboro, la kontakto inter O.K.K. kaj ĉefestraro havis mankojn.
Montriĝis tute klare, ke ekskursoj, okazantaj dum la laborkunsidoj malbone influas la lastnomitajn.
Ni tre alte taksas la ekskursojn kaj ceterajn distrojn kiel allogilojn al niaj kongresoj, sed ili nepre ne okazu dum la laborkunsidoj, kaj anoncadon al tiuj distroj oni akceptu nur antaŭ kaj post la kunsidoj. Agante tiel ni eble povas eviti ke deligito brilas pro neĉeesto, ĝuste kiam iu ĉefestrarano donas detalan respondon al demandoj aŭ kritikoj lia.
En niaj laborkunsidoj ni komune solvu la problemojn, kiuj influas la kreskadon de nia movado, kaj komune ni priparolu la er-

### NEKROLOGO

Ĵus ni ricevis la doloran sciigon, ke mortis en Amsterdamo nia fidela amiko **Dirk Muller**.
Muller estis konata figuro en la Amsterdama Esperanto-movado.
Dum longa tempo li gvidis kursojn por la Amsterdamaj fervojistoj, kiujn li inspiris per sia fera idealismo.
Kiel la unua redaktoro de *Bulteno* li ankaŭ havis siajn meritojn por IFEF. Entuziasme li plenumis tiun taskon, ĝis kiam terura sangmalsano malebligis al li ĉian laboron.
Hodiaŭmatene la morto metis finon al lia suferado.
Kamarado Muller restas en nia memoro kiel meritplena kaj entuziasma Esperantisto kaj kiel bona amiko. Li ripozu en paco.

Amsterdamo la 19an de aprilo. La estraro.

arojn, mankojn, kaj sugestojn honeste kaj amike. La rekompenco estos vigla, floranta organizo kiu povos liveri al ĉiu el ni trezoron de sciindaĵoj pri laborkondiĉoj, vivnivelo, devoj kaj rajtoj, de niaj samfakuloj en multaj landoj.
Amikoj, IFEF efektiviĝis la senperan kontakton inter fervojistoj, diverslandaj; al vi la devo utiligi la eblojn de tiu internacia kontakto, por ke nia organizo leviĝu al pli alta nivelo.
Ĝis revido en Parizo.

La Prezidanto.

## REDAKTORA RAPORTO

Kiam la Salzburga kongreso elektis min redaktoro de *Bulteno*, ĝi sendube ne sciis ke per tiu decido ĝi subtenis la malicajn konspirojn de niaj prezidanto kaj sekretario.
Jam survoje al Salzburg ambaŭ sinjoroj trovis la ĝustan momenton por persvadi min **eventuale** akcepti la redaktoran taskon. Ili simple ignoris miajn asertojn, ke mi havas nenian komprenon pri la gvido de internacia organo, kaj post la elekto la friponoj tiom kore gratulis min, kvazaŭ mi konkeris jam delonge deziratan postenon.
Jen mi staris! Nur unu afero klare prezentiĝis antaŭ miaj okuloj - antaŭ ĉio plibonigi la eksteran aspekton de la interligilo!
Feliĉe nia kutime tiom avara kasisto montriĝis preta riski sian tutan kason por tiu celo, kaj tiel tiu unua deziro efektive plenumiĝis.
Vi ĉiuj jam konatiĝis kun la rezulto de niaj klopodoj, kaj multaj laŭdaj leteroj pruvas ke ĝenerale oni alte taksas tiun plibonigon.
Tamen pli grava ol la aspekto ekstera, estas la enhavo de nia bulteno. Se ankaŭ tiurilate ni progresis, ni dankas tion al la kunlaboro de diverslandaj amikoj. Dank' al tiu kunlaboro, la enhavo ĝis nun povis esti sufiĉe varia kaj interesa por fervojistoj.
Mi ne bezonis rifuzi artikolon; kelkfoje manko de spaco kaŭzis prokraston; malofte okazis ke iu artikolo ne trovis lokon pro tio, ke tro longa prokrasto senvalorigis ĝin. Manko de spaco ankaŭ devigis min kelkfoje mallongigi tekston, ne tuŝante tamen la enhavon. Fine mi ofte ŝanĝis lingvon laŭ gramatikaj postuloj - stilon laŭ propra gusto.
Ĉar ĝis nun neniu el la kunlaborantoj protestis kontraŭ tiuj ŝanĝoj, nek venis plendoj pri stilaj aŭ lingvaj eraroj, mi konkludis, ke ankaŭ koncerne tion nia bulteno kontentigas siajn legantojn.
Preseraroj ne ĉiam estis eviteblaj, ĉar la presisto ne scipovas Esperanton. La rilatoj kun la presisto estas bonaj; ne estas devigaj kontraktoj; li ĉiam liveras la gazeton je la dezirata tempo, kaj ni havigas al li la kopion en formo kiel li bezonas ĝin.
Specialan dankon meritas nia kamarado Hoen, kiu disponas multan tempon por la necesa kopiado de ĉiuj artikoloj.
Ĉisupre nomitaj faktoj, kaj ankoraŭ pli la financa subteno de multaj anoj, faciligis la regulan aperon de *Bulteno*.
Kvankam ni do ne estas malkontentaj, ni tamen dezirus, ke la artikoloj kaj la mono fluus tiom abunde, ke ni devus kaj povus eldoni la bultenon ĉiumonate.

La Redaktoro.

## ALVOKO

Por pruvi al altaj fervojaj instancoj la praktikan uzeblecon de Esperanto, la redaktoro petas informojn el multaj landoj pri la faka instruado al fervojistoj. Li volonte ricevos fidindajn raportojn pri:
La karaktero de la instruado, ĉu praktika aŭ teoria; -uzataj lerniloj, kiel regularoj, lernolibroj, filmoj, fotoj, bildoj, modeloj, k.t.p.
La metodo de la instruo, ĉu buŝa aŭ koresponda; la daŭro de la kursoj.
La dispono pri specialaj lernejoj aŭ instruvagonoj.
Speciale interesas lin la kapabligo por la kondukado de elektraj vagonaroj kaj lokomotivoj de tiuj fervojistoj, kiuj antaŭe kondukis vaporlokomotivojn. Tre volonte li akceptas teknikajn librojn eldonitajn de la fervojoj.
Kiu mem ne estas kompetenta juĝi pri suprenomitaj aferoj, tiu petu informojn ĉe pli kompetenta kolego aŭ sia fervoja administracio.
Bonvolu skribi aŭ interrilati dum la kongreso kun la redaktoro:

**K.G.J. de Jong, Von Liebigweg 26, Amsterdam Nederlando.**

## KASKONTROLO

Subskribintoj kontrolis la kason de IFEF pri la jaro 1950a kaj trovis ĉion en perfekta ordo.
Nia kasisto W.Biesheuvel meritas nian dankon pro sia akurata laboro.

UTRECHT la 2an de februaro 1951. La kontrolintoj, J.A.Vermaak
G.Bouwkamp.

## TERMINARA KOMITATO

Sinjoro Pape skribas al ni:
En la terminara komitato kunlaboras la kolegoj Hell, Germanio( Administracio ); Lienhardt, Francio( Vagonoj ); Pape, Germanio( Generalaj Terminoj ) ; Rebiĉek, Ĉeĥoslovako(Tarifo ) ; Rosher, Anglio (Surstrukturo). Novaj kunlaborantoj estas s-roj Blin, Francio ( Vagonoj ) kaj Simon, Germanio ( Lokomotivoj ).
Estas klare ke la kompilo de definitiva kaj ampleksa terminaro postulas tempon. Tamen la evoluo de la fervojista movado tuj bezonas materialon por fakaj korespondoj.Pro tio unue estas starigitaj provizora projekto de vortareto kaj provizora kolekto de ĉiutagaj frazoj. Ekzempleroj estas dissenditaj al ĉiuj membroj de la komitato kaj aliaj interesuloj.La duplikatoj nun revenas kun korektoj kaj kritikoj. Bazante sur la proponoj estos starigata nova provizora vortareto, kiu per la diverslandaj kunlaborantoj estos provizata per la naciaj terminoj kaj poste presata por la landa uzo.

En la specialaj fakoj de la fervojo, ĉe la komenco estas necese kolekti kaj presi la materialon por la laboro de la membroj de la komitato. Tiamaniere la traduko de kolego Rebiĉek de la Internacia Konvencio pri pasaĝer- kaj pakaĵtrafiko estas nun en la manoj de la kunlaborantoj; sekvos la Internacia Konvencio pri fretaĵtrafiko. La materialo estas multobligita sen kritikoj aŭ korektoj; la definitiva formo de la traduko estos fiksata post la diskutoj.

Estas intencite disdoni materialon pri surstrukturo de kolego Rosher, sed kunlaborontoj devas posedi la nun reeldonitan Ilustritan Teknikan Vortaron en ses lingvoj de Schlomann, Volumo 5, fervoja konstruo kaj fervoja funkcio.Certe ankaŭ la laboroj pri vagon- kaj lokomotivterminoj estos baldaŭ maturaj.Urĝa bezono estas ankaŭ terminaro pri personaraj aferoj ĉar la internacia korespondo de la fervojistoj precipe temas pri la diversaj vivkondiĉoj. En la tarifaj aferoj estas nepre necese, ke internacia fretenklasigo estos tradukata. Ni ŝuldas egan dankon al la svisa fervoja departemento, kiu afable sendis al la verkinto tarifon por la vartrafiko Svisio-Italio kun esprimoj en tri lingvoj.
Oni rajtas atendi, ke vortareto esperante-nacie venontjare estos ĉe dispono de la landaj asocioj. Por kolegoj, kiuj estas pretaj kunlabori, materialo volonte estos alsendata.

## JARKUNVENO DE FERV.FAKGRUPO DE A.E.F.

La trian de septembro 1950 okazis en la *Fritzkabano* sur alteco de 1800 M,nia jarkunveno en plej agrabla kaj fruktedona harmonio.Je la 8,50 horo, la estro Sighartner,malfermis, emociigajn vortojn dediĉante al tri mortintaj kolegoj.
El la enkondukaj vortoj de la estro estas menciindaj jenaj: *Ni, idoj de Zamenhof, deziras harmonie kaj fratece aranĝi nian jarkunvenon. Nia ĝenerala laboro ne estas facila; la membroj loĝas diversloke, kion ni kompreneble bedaŭras. Nia devizo estu ĉiam: resti laboremaj kaj pacamaj fervojistaj Esperantistoj, ni ne disputu, sed diskutu, ni eluzu ĉiun minuton por labori kaj ni restu pacemaj kaj sinceraj batalantoj! * La tagordo estis:
1) Raportoj, 2) Novelektoj, 3) La Esperantogrupo en la fervojista sindikato, 4) IFEF kaj la dua kongreso en Salzburg, 5) Eventualaĵoj.

Ĉiuj punktoj estis seroze kaj precize prilaboritaj kaj la finfina rezultato estis: plena kaj kontentiga sukceso. La nova estraro de *Aŭstria fervojista fakgrupo de A.E.F.* estas: Estro Johann Sighartner, Linz;sekretario Josef Zink, Wien; kasisto Josef Hawla, Wien.
Estraro de IFEF-sekcio: Estro Alois Hilkersberger, Landeck, Lötzweg 1, Tirol; sekretario Joef Zink, Wien X,Economogasse 33; kasisto Josef Hawla, Wien XXII, Zschokkegasse 21, Aŭstrio.
La estraro de sindikata Esperantogrupo: Estro Karl Magenbauer, Wien; sekr-ino Helene Marek, Wien; kasisto J.Hawla,Wien
Gazetarraportantoj: Por IFEF-bulteno Alois Hilkersberger, Landeck;
por *Der Eisenbahner* (sindikata gazeto, kiu aperigas ĉiumonate Esperanto-artikolon ) Josef Zink; por AER ( Aŭstria Esp-Revuo ) Alois Ramschak, Villach.
Raportis Josef Zink.

## VOJAĜO AL LA FRANCAJ ALPOJ.

La Arnhema FERN-grupo en 1950 aranĝis vojaĝon al la Francaj Alpoj. Ni loĝis en la naturamika domo *Plain Joux* apud les Carroz. Partoprenis 20 personoj el Nederlando kaj kelkaj el Epernay, Francio.
El esperantista kaj turista vidpunkto la vojaĝo estis sukcesplena, kaj la kostoj estis tre malaltaj.
La francaj gekamaradoj helpis nin venki la lingvajn embarasojn, kaj tiel ni havis agrablan ferion. Vere, ekzemplo por daŭrigi kaj plibonigi en la sekvontaj jaroj. A.R.

## EL LA GAZETARO

La fervojista sindikata gazeto subtenas la agadon de niaj finnaj gekolegoj; aperis en ĝi novaĵo pri Esperanto en 5 kolonoj. ESFF, la asocio de fervojistaj esperantistoj jam havas perantojn en ses regionoj. Venontaŭtune ĝi aranĝos studklubojn en la tuta lando kaj la registaro helpos ĉiujn studrondojn per 900 finnaj markoj jare.

En la septembra numero de LA RONDO - Aŭstralia Esperanto-gazeto - ni legis la jenon: *La Viktoria Ŝtatfervojo fieras pri tio, ke dum 20 jaroj ĝi transportis tri milionojn da pasaĝeroj el kiuj nur unu perdis la vivon pro kolizio aŭ elreliĝo.

Aŭstria Esperanto-Revuo (novembro-decembro) transprenis la artikolon pri la fervojista fakgrupo, aperintan en *Der Eisenbahner*.

La jenaj gazetoj enpresigis artikolon pri la 3a IFEF-kongreso en Parizo: Franca Esperantisto (No. 114), Svisa Espero (dec. No. 7), Boletin (Hispanio No. II de nov.), Heroldo (nov. numero), La Ponto (Germanio), *Laborista Esperantisto* (Nederlando), Aŭstria Esperanto-Revuo, *Fervojisto* (organo de FERN, Nederlando), *Nieuw Spoor* (organo por la dungitaro de la Nederlanda Fervojo-Kompanio.
Krome *Radio Lille* (Francio) disaŭdigis novaĵojn pri la 3a kongreso de IFEF franclingve je la 11a de decembro.
Radio Roma je la 19a de januaro.
En *Der Eisenbahner*, organo de la Aŭstria fervojista sindikato aperis artikolo esperantlingva pri internaj aferoj de la esperantista fakgrupo kaj informoj pri la 3a IFEF-kongreso en Parizo.

En *Esperanta Finlando* No. I de marto 1951, aperis artikolo pri Esperanto inter Finlandaj fervojistoj. Traleginte la artikolon, ni konstatis, ke la Esperanto-Asocio de Finlandaj fervojistoj prospere kreskas, kaj niaflanke ni deziras al E.S.F.F. multan sukceson.

## GRAVA AVERTO!

La sekretario de IFEF rekomendas al ciuj gekolegoj turni sin al li, antau ol komenci interrilatojn kun S-ro Bielfeldt, Postkesto 5 Eksund, Svedio.

## REZULTATO DE ANONCO EN NIA BULTENO

Okaze de la letervespero en Odense (Danio ) ni ricevis precize 50 leterojn, poŝtkartojn kaj aliajn sendaĵojn. Kore ni dankas pro ĉiuj sendaĵoj, sed ni ne povas korespondi kun ĉiuj, ĉar ni estas komencantoj. Akceptu la plej koran dankon kaj ni esperu, ke la estonteco donos al ni ĉiuj pacon kaj prosperon por nia kara lingvo. Ni salutas vin nome de ĉiuj partoprenintoj al nia letervespero. Via,

Dagny Nielsen, Hunderupvej 42. I, Odense, Danio.

## ESTU BONVENAJ EN IFEF!

Estas ĝojige povi sciigi, ke E.S.F.F., la societo de fervojistaj esperantistoj en FINLANDO, dum la jarkunveno en Helsinki decidis oficiale aliĝi al IFEF. Nome de la IFEF-estraro kaj membraro ni kore bonvenigas niajn finnajn gekolegojn en nia internacia familio, esperante ke tiu aliĝo enkondukos jaron, plenan de novaj sukcesoj.

La Sekretario.

## ĈU ANKAŬ VI VIZITOS PARIZON!

**Tiam vi ne forgesu kunporti - vian pasporton - viajn vojaĝbiletojn - francan monon - esperanto-flagojn - bultenojn no. 3, 4, 5 - toleremon - bonan humoron - kaj......... vian edzinon!**